2ª jaro - Nº 9 (16) (Publication mensuelle) Septembro 1934

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro : Raymond SCHWARTZ
Redakcio : 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio :
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e

FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

**Kiam ni nun parolas pri nia "kara" UEA...
ni estas sinceraj !**

# TARIFO DE L' ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

| | |
|---|---|
| en Francujo kaj Saar-Teritorio. . . . . | 10 fr. fr. |
| en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . . | 12 fr. fr. |
| en aliaj landoj *). . . . . . . . . . . . . . | 15 fr. fr. |

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIV[e]

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Aktuala kanto al Ĝenevo

Deficito, deficito!
Tiel sonas. Ho, ne mito
Estas tiu nova kri'!
El Ĝenevo ĝi alvenis —
En Stockholmo oni benis
Ĝin kun vera emoci'.

Deficito, deficito!
Esprimaĉ' por malprofito!
Kiu do elpensis ĝin?
Ve! Apero tutreala,
Efektiva sed... fatala —
Ĉu ĝi fine skuos nin?

Deficito, deficito!
Prenu tiujn sen hezito,
Kiuj trompis en Ĝenev'!
Aŭ ĉu ilin ni pardonu,
Eĉ ĉemizon lastan donu
En ŝafid-anima rev'?

Deficito, deficito!
Kial ne al Moabito *)
Ni tuj sendu ilin for?
Tute ne! Pro kaso-manko
Venas dum kongres' eĉ danko,
Plenanime, el tutkor'.

Deficito, deficito!
Ŝajnas esti la kvalito
De la UEA-estrar'.
Ni do klinu nin humile,
Subiĝeme, vere file,
Sub la deficita far'.

Deficito, deficito!
Aŭ ĉu tamen ni kun spito
Ilin puŝu al konsci'?
Deficito, deficito!
Fine for la hipokrito!
Sinjoregoj, jen por vi!

BEKO.

*) Moabito = famkonata malliberejo de Berlino.




# Ni povas esti kontentaj kaj fieraj

Aŭskultu, aŭskultu kaj poste, pro ĝojo, kisu vian bopatrinon aŭ la grupoprezidanton, ĉar — finfine ! — okazis io. Aŭskultu, aŭskultu ! — « Ni povas esti kontentaj kaj fieraj, ke Kaden-Bandrowski en plurfojaj interparoloj deklaris al mi (Salo Kornfeld), ke Esperanto interesas lin ! » (Laŭ sciigo en Literatura Mondo.)

Kiam, amikoj, ni ĉesos ridindigi nin ? — Ĉu ankoraŭ ni estas infanoj, kiujn kortuŝe svenigas facila blufo, aŭ ĉu ni estas popolo forta, konscia pri sia viv-rajto kaj -povo, homoj harditaj, el raso ne almozpetanta ? — Esperanto ekzistas. Ĝi havas kulturvaloron. Al ĝi ni dediĉis nian entuziasmon, la plej belajn fortojn de nia koro. Kaj nin emociigus ventkapa pulĉinelo per tia propono : « Fieru, fieru ! Greta Garbo ĵus deklaris, ke Esperanto ne malplaĉas al ŝi ! » ?

Dankon, kara Greta Garbo, vi estas tre ĝentila por ni. Jes, ni scias, ke vi estis multe pli ĝentila por la rizpudro « Xantippa », al kiu vi dediĉis fotografaĵon kun ĉiuj krurpartoj videblaj kaj, krome, kun tiu ĉi atesto : « Ĉiutage mi uzas la pudron Xantippa, kiu estas la plej bona. » Tamen, ni ne estas ĵaluzaj. Ni ja konas la valoron de tiaj platonaj deklaroj kaj la efikon de ilia reklampotenco ĉe normalaj homoj.

Cetere, ekzistas jam kelkaj korifeoj de l' nuntempo, kiujn Esperanto interesis. Ili lernis ĝin kaj uzas ĝin. ILI povas esti kontentaj kaj fieraj, ĉar ili komprenis, kio estas Esperanto, komprenis, ke pli ol sonoraj aproboj valoras praktika ekzemplo.

La DEĴORANTA PIRATO.

# Praunuaj informoj pri la Kongreso en Firona

Unue, necesas, ke ĉiuj Esperantistoj vizitu la 27-an Universalan en Firona, kiu pli ol la aliaj simbolos la Movadon! Jam iu antikva saĝulo pruvis la movadon marŝante; ni pruvos la Movadon kongresante de unu urbo al la alia. Kaj en tiu ĉi fakto mem kuŝis la unua malfacilaĵo: Kiel nomi tiun migrantan kongreson, kiu komenciĝos en Firenze, daŭros en Roma kaj glore finiĝos en Napoli? Sed dank'al unueca kunlaboro de ĉiuj italaj samideanoj la L. K. K. jam venkis tiun malfacilaĵon: Laŭ la komencliteroj de la tri ĉefaj kongresurboj, nia 27-a okazos en Firona. Estas simple, sed, kiel oni diras en Usono, necesis pensi pri tio.

Jam kelkaj ĝisostaj pesimistoj ekpredikis, ke dum Aŭgusto estas tro varme en Italujo. Kia stulta mensogo! Nenie regas pli agrabla freŝeco ol en la vinkeloj de Firenze, kie okazos la interkonatiĝa vespero, ol en la Romaj katakomboj, kie okazos la kabaretvespero, kaj ol en la karceroj de Napoli, kie la kongresanoj povos restadi pli longan tempon. La plej bonajn ĉelojn ni rezervos kompreneble por la unuaj aliĝintoj.

La personoj, kiuj scias, kio estas biero, faros pli bone, se ili trinkos nur vinon en Italujo.

Kaj la personoj, kiuj scias, kio estas Esperanta Universala Kongreso, bonvolu ne forgesi, ke laŭ la italaj leĝoj la malkaŝa gekisado estas puninda. Sed en ĉiuj italaj urboj ekzistas kinematografejoj.

Pro la konataj cirkonstancoj, la pago de l' kongresaliĝo per respondkuponoj de UEA estos malakceptata same kiel la pago per bananŝeloj. Sed oni povas pagi per nia ĉekkonto poŝta.

Por eviti definitive ĉiun konfuzon, ni refoje atentigas la seriozajn Esperantistojn, ke nia... Universitala Kongreso okazos sub la devizo « De Alpoj al la Maro », kaj ne, kiel kelkaj tro fervoraj propagandistoj promesis, sub la devizo « De Palpoj al la Faro ».

Tamen, ek al Firona!

Por la Loga Kongresa Komitato:

ALE BEN TARIP.

# Kion ĉiu kongresonto devas scii el la itala lingvo

Malgraŭ la bela optimismo, kiu subtenas nian entuziasmon, ni ne estas sufiĉe naivaj por supozi, ke venontjare ĉiuj italoj flue parolos Esperanton. Tial ni petis de unu el la plej eminentaj italaj kompetentuloj, ke li bonvolu doni al nia elita legantaro kelkajn klarigojn pri la plej utilaj kaj necesaj vortoj aŭ esprimoj itallingvaj. Ni insiste rekomendas al ĉiuj eventualaj kongresontoj, ke ili studu tre serioze la ĉi suban lecionon.



**Americano** (elp. amerikano). — Ano de Ameriko, sed ankaŭ — kaj pli facile trinkebla — ruĝa aperitivo konsistanta el miksaĵo de aromaj vermutoj kun kelkaj gutoj da maldolĉa likvoro. Oni aldonas Seltz-akvon, kaj en tiu fluidaĵo ĝenerale troviĝas peceto da citronŝelo, kelkfoje intence enmetita.

**Asti.** — Urbeto en la Piemonta regiono, kiu enhavas 40 000 geloĝantojn, sed neniun delegiton de UEA. Domaĝe, ĉar la urbeto estas nepre vizitinda, almenaŭ por kontroli la delikatecon de la tieaj muskatvinoj. — Feliĉe, specimenoj de la ŝaŭmanta « Asti spumante », kiu iom similas al Ĉampano, estas troveblaj ankaŭ aliloke.

**Barbera.** — Nigreruĝa, kutime enboteligita, trinkinda vino.

**Barolo.** — Sama difino kiel por la « Barbera », sed — gustumante la du ŝatindajn vinojn kaj saĝe komparante — oni konstatas diferencon !

**Becco** (elp. bek-ko, sed ne tro aŭdeble). — Tiu vorto havas tri sencojn : Unue ĝi signifas birdan bekon, — due virkapron, kaj trie, iom ĵargone, perfiditan edzon. La lasta estas la plej ofta.

**Bel pezzo di ragazza** (elp. bel pec-co di ragac-ca). — Bela peco da fraŭlino ; per tiuj vortoj oni aludas ne al iu speciala aparta parto de la fraŭlino, sed eldiras favoran juĝon pri la fraŭlino kompleta, laŭ ĉiu vidpunkto.

**Birra (chiara, scura ; piccolo, medio, grande).** — Biero (hela, bruna ; malgranda, mezgranda aŭ granda glaso da biero). La granda glaso estas proporcie pli malmultekosta. Konsekvence, trinki pogrande signifas ŝpari.

**Botte.** — Vorto kun duobla senco, ĉar — laŭ la sono de la litero o — ĝi signifas barelon aŭ homfrapadon.
Se vi persone petos pri barelo, akcentu tre korekte la oon.

**Campari (bitter, cordial).** — La rubenkolora kaj iom maldolĉa « Bitter Campari » estas la plej konata itala aperitivo; la « Cordial Campari » estas dolĉe parfumita likvoro, kiu helpas digeston. (Pro ĉi tiu duobla tutmonda reklamo ni jam ricevis rekompence botelaron, sed jam lastan merkredon ne postrestis plu unu guto.)

**Castelli (delli).** — Speciala rimedo por sendi elegante la amikojn sub la tablojn, estas ilin afable inviti por gustumi la helajn diverskolorajn vinojn, kiuj estas ĝenerale konataj laŭ la kolektiva nomo « Vino de la Kasteloj » (de la Roma montareta ĉirkaŭaĵo).

**Cerini** (elp. ĉerini). — Vaksalumetoj. Per ili nespertuloj ofte kapablas ekbruligi siajn fingropintojn. Tamen estas konsilinde havi ĉiam skatoleton da tiaj alumetoj, ĉar — se eventuale tria ulo ĝenas, dum oni afable interŝanĝas ideojn kun aliseksa persono pri solvota demando — estas rekomendinde donaci al la tria ulo kelkajn vaksalumetojn, por ke li povu lumigi sian elirvojon.

**Chianti** (elp. kianti). — Mirinda regiono, kiu kapablas produkti preskaŭ dek milionojn da kilogramoj da vinberoj, el kiuj oni poste sukcesas elpremi preskaŭ unu miliardon da hektolitroj de la samnoma fama vino!

**Donna che muove l'anca.** — Virino, kiu movas la kokson. Per tiu ĉi esprimo oni karakterizas sinjorinon, kiu — por nedifinita celo — kokete promenas laŭ maniero de kortaj naĝbirdoj.

**Due piazze.** — Signifas « du placoj » — sed tiel ankaŭ oni nomas liton sufiĉe vastan, por ke du personoj povu, eĉ dumsomere, kundormi neĝenate kaj senŝvite.

**Fiasco** (elp. fiasko, kiel ĉe UEA). — Enpajligita, dulitra botelo. Ĝenerale ĝi enhavas vinon (kiam ĝi ne estas malplena).

**Fernet Branca.** — Nigrebruna maldolĉega likvoro, kiun normalaj homoj konsideras kiel abomenaĵon, sed ekzistas personoj, kiuj ĝin povas trinki kun ŝajnplezuro. — Ĝi mirinde agas kontraŭ la doloroj de tro plena ventro. Kontraŭ piedkaloj ĝi estas senefika.

**Gelato** (ĝelato). — Glaciaĵo manĝinda, eĉ kun aldono de likvoro. Tre ŝatinda dum ekskursoj. Ne forgesu kunporti certan porcion en viaj poŝoj.

**Lambrusco.** — Ekŝaŭmanta vino de la Emilia regiono. Oni pretendas, ke ĝi estas bonega renpurigilo, ĉar ĝi tre rapide (kaj abunde) postulas eliron.

**L'occasione fa l'uomo ladro.** — Jen lerninda proverbo : « La okazo igas la homon ŝtelisto » ; tio ankaŭ signifas, ke virina fideleco estas nur hazardo. Same kiel la vira.

**Marsala.** — Dolĉa bruna vino, produktata en la samnoma Sicilia haveno.

**Nero.** — Nigra. Tiel oni nomas la malhelan vinon, kiam ĝi ne estas ruĝa aŭ alikolora. *)

**Orvieto.** — Urbeto, kiu estas fama pro sia malnova katedralo kaj pro siaj novaj blankaj vinoj.

**Quelle signore...** — Tiaj virinoj... Temas, ĝenerale, pri personoj, kies ĉiutagaj vivrimedoj ne estas konataj, laŭdire.

**Rosso.** — Ruĝa. Kaj tiel oni nomas la malhelan vinon, kiam ĝi ne estas nigra aŭ alikolora. *)

**Strega.** — Signifas « sorĉistino », sed ĝi estas samtempe la fama nomo de bonega flava likvoro. Por eviti imitaĵojn, postulu ĉie la markon « Alberti di Benevento ». (Koncerne ĉi tiun entuziasman reklamon ĉiuj niaj rajtoj estas rezervitaj. Ni petas la Italan Esperanto-Centron zorgi pri nia rekompenco.)

**Uva.** — Vinbero. Ĝi estas frukto, el kiu, ankaŭ en Italujo, la vino estas kelkfoje farita.

**Zabaione.** — Ĝi estas ovolikvora, tre nutra frandaĵo, rekomendinda speciale kontraŭ laceco post noktaj studoj.



Kaj tio sufiĉas por iri al la Roma kongreso.

TROET (pirato).

---

*) ?? (N. d. l. R.)

# LA BELA STILO

El « NIA GAZETO » (aŭtoro nekonata) :

« Dum la 26-a, oni ne vidis strangajn pajacajn kostumojn, *eĉ se ili havis iom da verdaĵo.* »

« Oni ne renkontadis virinojn ĉe kiuj la verda koloro tronis en ĉiuj iliaj vestaĵoj, *konsistintaj* ofte *el strangaj formoj.* »

# LA MOVADO




*Desegno de Wranka Dragutin.*

*« Kial vi pretendas, ke via fileto estas pli ol normale inteligenta ? »*

*« Ĉar li ja estas fileto ge-nia ! »*




LA INTERLIGILO DE L'P.T.T. (Julio). — « La radiiloj konsistas el la sekvantaj elementoj :... perfortigilo per 4 lampoj ktp. »

*Tiu aparato, kompreneble, ne taŭgas por knabinoj.*

SAMLOKE : — « ...Ludas la feliĉa hazardo grandan rolon, kiu helpos al la kolektanto aŭ al la gajno de la mulvalora objekto, aŭ al la mono... »

*Sed restas la demando : Kiom valoras mulo ?*

NIA GAZETO (Aŭg.) — « Legu p.2, la alvokon de S-ro Bastien, UES-prezidento. »

*Konsentite.*

NIA GAZETO (Sept.) — « Jam ni rimarkas la direktoron de la eksteraj aferoj de U.R.A. »

*Ankaŭ konsentite. Sed kio pri nia bona, malnova U.E.A. ?*

SAMLOKE : — » La du sinjoroj foriras kun siaj ledotukoj... »

*...kiel arboj el fero !*

SAMLOKE : — « Post tio, ĉu oni povas afirmi, ke esperanto ne ekzistas ? »

*Esperanto ekzistas, sed « afirmi » ne ekzistas.*

SAMLOKE : — « Eĉ la flagranta kuirfajro trankviliĝas, la rostaĵo ĉesas fritiĝi. »

*Aŭ la fritaĵo ĉesas rostiĝi.*

LA LERNANTO (Aŭg.) — « Elzira Djen senkonsciiĝis kaj lia edzo ploris. »

*Ĉu do ne estis edzino en tiu ĉi familio ?*

HEROLDO (19 Aŭg.) — « ...ni forlasis Kolonjon dektriope. En Düsseldorf kaj Essen aliĝis kvar pluaj karavanoj, tiel, ke entute ni estis dek-sep. »

*Tiuj kvar karavanoj ne havis multajn partoprenantojn.*

SAMLOKE : (9 Sept.) — El la anoncetoj : « Ne legu kaj forgesu ! Kiu helpos al mi per havigo de laboro, ktp... »

*Malbona taktiko por tia anonceto, kaj plue, se oni ne legis, oni ne bezonas forgesi.*

NORDA GAZETO (Jul.-Aŭg.) — « Raneto bovon ekvidis ŝajnantan al ĝi belkresta. »

*La raneto certe havis vizion, — ĉar, se la bovoj havus kreston, la kokoj havus kornojn, kaj tion oni scius.*

ESPERANTO POR ĈIUJ (Sept.) — El kongresraporto : « Kaj kiam la estroj de nia movado debatis la tutan tagon kaj solvadis signifoplenajn problemojn, la aliaj migris tra la arbo kaj vizitis la reĝan kastelon. »

*La aliaj, verŝajne, estis lignovermoj.*

NIA VIVO (Sept.) — « Viro estis farata, kiel ĉiuj ceteraj bestoj, en la kamparo. »

*Dankon pro la komplimento !*

---

## *LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

Al la deĵoranta Pirato :

### Ne pilorio... Piedestalo.

La jena historio ne estas fabelo, sed vera fakto. Antaŭ ne tre longe, nome je la fino de Julio, ĉi jare, aperis ĉe mi juna simpatia pilgrimanto, piedirante kun dorsosako kaj dika bastono. Senhezite li min alparolis Esperante, *ne tre korekte,* sed *komprenige.* Efektive, mi senpene komprenis, ke li malsatas kaj soifas, kaj tuj, movate de nia *interna ideo,* mi lin regalis laŭdeve kaj laŭpove. Ankaŭ mi lin klare komprenis, kiam li petis de mi — ho prunte ! 200 frankojn, por ke li povu fervoje reiri al sia hejma urbo en Germanujo. « Bone ! Jen ni havas ! » mi pensis, tuj memorante la U.E.A, — kaj la S.A.T. — pilorion ; tial, anstataŭ 200 frankoj, mi enmanigis al li donace *5 frankojn* kaj li foriris.

Sen tro granda surprizo mi eksciis, je la morgaŭa tago, ke li estas farinta la samon ĉe pluraj grupanoj de la urbo.

Sed nun — ho miru ! — antaŭ kelkaj tagoj la kasisto de nia grupo ricevis leteron de nia juna *globe-trotter,* kiu resendis, kun riproĉo kaj malestimo, *la mizeran sumon* al li donacitan, aldonante, ke por lia feliĉo iu vera samideano, katolika pastro, estas al li prunte doninta la monon, kiun li bezonis. — Bone, tre bone ! mi pensis ; la Zamenhofa homaranismo, kune kun la Krista karitato, efikas mirakle.

Tre pirate via,

Boucon.




Sub tiu ĉi rubriko ni publikigas, laŭ la okazo, la plej... nu, ni restu inter la limoj de l' ĝentileco kaj diru... la plej « rimarkindan » literaturaĵon de l' lasta tempo.

Hodiaŭ ni havas la honoron ĉerpi el « La Revuo Orienta » (Septembra numero), el kiu ni kopias fidele :

PORTRETO

Originale Verkita de Masao NIŜIMURA

Revenas mi de mia labor' ekspluatata,
malŝlosas etan pordon, portreto min arestas,
statuan min alridas, konsolas ho kompata,
forgesas mi, forgesas : mizero kia estas.

Bazaron mi rapidas aĉeti etan ajlon
sentante ŝian pezon, portreton sur la brako,
forgesas mi, forgesas malriĉan la salajron,
kuiras jam vidante palacon en barako.

La ĉi supra « poemo » estas tre instrua. Unuavide, kaj duavide ankaŭ, ŝajnas, ke en Japanujo la policistoj estas nenecesaj. Sufiĉas havi portreton kaj la portreto vin arestas. Tre severa tiu portreto ne estas, ĉar ĝi kompate konsolas kaj ĝi ne malhelpos vin rapidi al bazaro por aĉeti etan ajlon. Sed la eta ajlo estos peza, kaj vi sentos ĝian pezon, precipe se vi havas la portreton sur la brako. Hejme vi povos kuiri la portreton kaj vidi palacon en barako. Poste manĝu la ajlon kaj estu certa, ke tiam eĉ kuraĝa policisto ne povos aresti vin. Jen.

A. B. C. A.

*ALTA LITERATURO*

# Am-letero

Al fraŭlino ....... (konfidence) *)

Simple mi konstatas:
Mia koro batas,
Kiam mi sengarde
Vidas vin hazarde.

Haroj el kaŝtano,
La okul' — safrano,
Buŝo el ĉerizo,
Tuto... en ĉemizo...

Blanka aŭ ĉu nigra?
Estas jen mistero...
Mia amo migra
Serĉas pri la vero...

Volus mi ekkoni
De vi la kaŝaĵojn,
Volus al vi doni
Miajn pasiaĵojn...

Kison mi dezirus
Vastan kaj abundan,
Ĉar el ĝi akirus
Povon mi fekundan.

Sed mi ĝin ne spertis:
Ia voĉ' avertis
Min: ĝi estus riska
Kaj trankvil-konfiska!

Tamen, laŭ la ŝajno
Estus certa gajno
Por dezir' senbrida
De la buŝ' avida...

Same kiel kuras
En bredej' ĉevalo,
Mia pens' veturas
Al la karnavalo...

Kie dum la festo
Ĉe la ĝazmuziko
Ĉie estas nesto
De la erotiko...

En la lud' vortĵeta
Mi ne estu ruza:
Sciu min do preta
Por la ag'... amuza!

A. Bundam.

*) La ĉarma fraŭlino, pri kiu temas, bonvolu konatigi sin. Ni povos doni al ŝi seriozajn avertojn kontraŭ la aŭtoro!

# La pozitiva rezultato de l' unua inspektvojaĝo

Nia nova generalprezidanto Bastien ĵus vizitis la Ĝenevan UEA-citadelon kaj inventaris la tiean arsenalon kun granda sukceso.

Ĉe lia alveno, sur la kajo de la stacidomo, atendis la altan estron la honora taĉmento sub la komando de kolonelo Kreuz. Post la afablaj kaj neeviteblaj salutvortoj ili ekmarŝis ĉiuj kune, tio estas triope, al la fama domo de la insula turstrato, kie regis la plej sincera, kvankam malbrua ĝojo pro la alveno de l' freŝa prezidanto. Ĉiuj flagoj, kaj ankaŭ la insignoj en la butontruoj de l' oficistoj, estis ĝojsigne vualitaj per nigra krepo. Post la ĝentilaj kaj neeviteblaj komplimentvortoj la generalo vizitis la turon, en kiu nestas nia UEA. Ĝi estas granda turo, kiu mem entenas multajn aliajn turojn. Tiuj aliaj turoj estas tiel multnombraj, ke ĉiutage oni malkovras novajn. Temas pri amaso da fakturoj (nepagitaj).

Per diskretaj aludoj la generalo tiam esprimis sian timon : Necesis viziti ankaŭ la kason.

Nu, la kaso estas originala. La generalo multe interesiĝis pri ĝia ekstera aspekto kaj ne povis kaŝi sian miron pri ĝiaj gigantaj dimensioj. Li longe palpis la seruron kaj konstatis, ke ĝi estas fortika. Efektive, kiel tre respekte rimarkigis la ĉeestanta pedelo, por malfermi tian seruron necesas posedi taŭgan ŝlosilon. Sed koncerne la solidecon de la kaso mem, la generalo faris riproĉeton. Oni ne povas nei, ke ĝi estas el kartono tro facile disŝirebla. Tio evidente estas manko. Sed ĝi ne estas la sola manko, kiun oni trovis.

Sur la kaskovrilo oni vidas la fieran blazonon de UEA kaj legas la faman latinlingvan devizon « *U*bi

*E*st *A*rgentum ? » — Tiun ĉi latinlingvan frazon la generalo tre flue tradukis Esperanten : « Kie estas la mono ? » — Sed neniu respondis.

Kun la necesa antaŭzorgo kaj kutima ceremonio, oni fine malfermis la kason. Estis vere emocia momento, kaj tiuj, kiuj havis la bonŝancon ĉeesti, neniam forgesos, kion ili ne vidis, ĉar la kaso estis malplena. Ne nur parte, sed tute. — La generalo humile kliniĝis por vidi la fundon, sed li ne vidis ĝin. Tiun ĉi konstaton li esprimis per unu vorto : TRU.E.A. Tiam li prenis sian lornon, refoje rigardis kaj sciigis al ĉiuj : « Nun mi vidas la fundon. — Estas la Fundo de l' Mizero ! ». Kolonelo Kreuz rezignacie ĝemetis : « Estas ĉio, kion ni heredas », kaj la generalo konkludis : « Stranga Heredaĵo », per kio li pruvis, ke li konas niajn klasikajn aŭtorojn.

Intertempe oni malkovris en la kuirejo la kontolibron, sur kies titolpaĝo estas legeblaj la vortoj *Rakontolibro de UEA*. — Kie! ĉiuj bonaj rakontlibroj ankaŭ tiu ĉi kondukas la sciavidan leganton tra enigmaj situacioj kaj nekompreneblaj misteroj. Sed nur sur la lasta paĝo oni malkaŝas la veron kaj trovas la ŝlosilon. La lasta vorto resumas la situacion. La lasta vorto estas « Fino ».

Feliĉe oni ekscias nun, ke ekzistas tamen io pozitiva : La ŝuldoj.

Antaŭ ol forlasi la Ĝenevan oficejon la nova prezidanto kunigis ĉiujn oficistojn, al kiuj li diris : « Koncerne la ŝuldojn, ni povas esti trankvilaj. Neniu forprenos ilin de ni. Krom tio, la situacio estas senespera. »

Kaj ĉiuj kune ekkantis la Esperon.

JULES LARIBOIS.

*EKZEMPLOJ EL LA VIVO*

*ito — ato — oto :*

*Profito — advokato — bankroto.*




**Nova honorigo!** — Ĉiuj sinceraj samideanoj, kiuj vere meritas tiun nomon, eksciis kun aŭtentika plezuro, ke post diskonigo de la brila stato de UEA oni elektis jam en Stockholm S-ron Stettler Honora Prezidanto. Tiuepoke oni menciis oficiale nur 15.000,— mizerajn sv. franketojn. Nun, kiam la kapturna entuziasmo forvaporiĝis, oni ekkonis, ke la situacio estas multe pli impona: Montriĝis, ne nur, ke la kaso estas plene malplena, sed ke nia bona UEA havas 90.000,— fr. fr. da ŝuldoj! — Ĉiuj sinceraj samideanoj bedaŭros, ke pli alta honorposteno ol la honora prezidanteco ankoraŭ ne ekzistas. Estas urĝe krei ĝin.

**Ĉu vi memoras?** — Lastan jaron nia bona amiko K. Kalocsay, kiu disponas pri bonega plumo, dediĉis al S-ro Stettler tiun mirindan poemon « La Kapitan' el Berno ». — Ĉi tiun jaron, jam en Stockholm, kelkaj senrespektuloj verkis parodion: « La kapital' el Berno ».

**Tiuj italinoj!** — La mirakla peco de la Kongreso estis sendube fraŭlino Clelia Guglielminetti, kiu lernis nian karan lingvon en malpli da tempo ol oni bezonas por skribi ŝian nomon! Tre precize nur ok tagojn antaŭ la forveturo ŝi komencis, kaj en Stockholm ŝi parolis flue... — Kiajn surprizojn oni rezervas al ni en Romo?

**Rekordo.** — Dum la kongresperiodo nia bona amiko, D-ro Loyola, tiu delikata hispano, faris 743 fotokliŝojn. Estas vere, ke li pezas 128 kilogramojn. Tamen, la proporcio estas admirinda.

**La Estonteco.** — Jam sufiĉe oni akcentis, ke la nova komitato de UEA nepre volas reprezenti la « novan spiriton » kaj havi plu nenion komunan kun la pasinteco. Tamen — kiel ni jam diris — por ne rompi ĉiujn pontojn kun tiu kara *) pasinteco, ĝi konservis nian bonan amikon, S-ron Isbrücker. Sed ankaŭ S-ro Isbrücker pli kaj pli deziras ne plu aparteni al la pasinteco. Kaj por ke ekzistu neniu dubo, li intencas ŝanĝi sian nomon. Anstataŭ « Is »brücker — — — « Os »brücker.

**En Okcidento io nova.** — Jes. Nia bona amiko K. R. C. Sturmer, la terura, ĵus fianĉiĝis kun ĉarma fraŭlino, dudekjara, blonda kaj krom tio Esperant-

*) t. e. kara en la alia senco de l' vorto!

istino. Korajn gratulojn! — Sed Sturmer, kiu ĝis nun energie malakceptis verki rimojn en Esperanto, ŝuldas al la senpacienca Esperantista legantaro sian unuan poemon. Fine.

**Lerta taktiko?...** — Ĵus la Centra Esperantista Librejo en Parizo reeldonis la vortaron de nia bedaŭrata amiko, Profesoro Grosjean-Maupin: « Dictionnaire Usuel ». — Sed sur la kovrilo, diklitere, estas legebla la aŭtornomo « Grosjean-Maufin ». Unue oni pensas, ke estas preseraro. Sed kiam oni scias, ke la estro de la Librejo estas nia bona amiko Dauphin, oni eksuspektas. Sur la proksima eldono ni legos verŝajne « Grosjean-Daufin » kaj sur la definitiva eldono « Grosjean-Dauphin ». Jen, iom post iom....

**Bona blago.** — Nia bona amiko, Prof. G. Waringhien, kiu estas sendube perfekta Esperantisto, tradukis la Maksimojn de La Rochefoucauld kaj sendis sian manuskripton al nia bona amiko Guadet, kiu ... por ke li korektu ĝin! — Afabla ironio.

**Rajtigita plendo.** — « Sennaciulo », la akurata SAT-gazeto, plendas en sia aŭgusta numero, ke « kelkaj K-doj en Nederlando ŝanĝas sian adreson tri ĝis kvarfoje dum unu sola jaro. » Kaj tion « Sennaciulo » opinias nekredebla. — Ĉu « Sennaciulo » mem, dum la lasta jaro, ne ankaŭ ŝanĝis trifoje sian adreson? — Do...

**Ĉio rompiĝas.** — La bela harmonio en la germana movado ne daŭris multe pli longe ol daŭras la rozoj... Anstataŭ du partioj nun estas tri: Unuflanke N. D. E. B., kiu riproĉas al sia estro Pietsch troan cedemon, kaj aliflanke D. E. B., la Behrendt'aj obstinuloj, kaj inter ambaŭ S-ro Kurt Walther, ilia komuna Estro.

**Strange!** — Ĵus aperis nova libro, « Marŝalo Jozef Pilsudski », kiu estas tradukita el la pola lingvo *ne* de Salo Grenkamp Kornfeld! — Sed tamen ĝi enhavas kelkajn nekorektaĵojn. — Instrua estas la formo « huragano » anstataŭ « uragano ». Laŭ mia opinio tio estas eraro, eĉ se temas pri generalo aŭ marŝalo.

---

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro $y^2 = 2$ px, en B. Y. — Se vi flegas la arton, tio ne signifas ke la arto estas malsana. Kompreneble, tio ankaŭ ne signifas, ke la arto prosperos.

Al S-ro Klec-Kano, en P. — Via « Miraklo » estas jam tro konata. Ni jam, de multaj jaroj, posedas Esp. tradukon de la sama versaĵo. Provu okaze fari alian miraklon. Ekzemple: Verki originale. — Tamen koran dankon kaj ĝis!

Al S-ro J. E. C., en T.-M. — Ĉar multaj artamantoj minacis malaboni niajn kajerojn, se ni publikigas tro da poezio, ni prudente rezervas vian verkon por posta okazo. (Ne miskomprenu!) Ni iam certe publikigos ĝin. Sed kial vi, tro modeste, subskribas « privatulo en la malantaŭaj vicoj de la verda azenaro »? Ni pensas, ke vi troviĝas en la unua vico. Kun pirataj karesoj kaj salutoj!

Al S-ro J. K., en D. — Vian novan adreson ni bone notis. Ni ne komprenas, pro kio vi sendis du respondkuponojn. Sed ĉefafero estas, ke vi sendis. Vi povas daŭrigi. Dankon.

Al S-ino S. Ĉ., en P. — Dankon pro interesa sendaĵo. Vi ŝajne estas ĵurnalistino kaj tamen skribas korekte. Gratulojn!

Al S-ro A. Z., en A. — Ni admiras la ĝustan metrikon de viaj versoj, sed nenecesis aldoni, por ni, kosmetikon. Ni ja preskaŭ ne plu havas harojn. Jes, vi rajtas punlabori kun ni!

Al S-ro M. M., en V. — Vi vidis nek la julian nek la aŭgustan numeron de La Pirato kaj vi deziras scii, al kiu vi povas direkti peton pri alsendo. Al nia poŝta ĉekkonto. Tute simple.

Al S-ro J. C. S., en T. — Ni pensas, ke vi eraras. Certe, ankaŭ ni konas la vorton *sino,* sed kiam via korespondantino subskribas « via sindona », ŝi verŝajne pensas pri io alia.

Al S-ro W. N., en St. — Ni ne forgesis vin, sed ni ja havas tempon. Nenio urĝas. Saluton.

## Lingvo - tekniko




*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Cirkusgasse 34/9, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—.

*Germanujo :* Friedrich Ellersiek G. m. b. H., Wilms-Str. 5, *Berlin S. W. 61.* — Postscheckkonto : Berlin 293 18. — Unu jaro : RM 2,10.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S-ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1.25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Karl Johansgatan 61, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

*U.S.S.R. :* Centra Libroekspedejo de Sovetrespublikara Esperantista Unio, - *Moskvo,* Spiridonovka, 15.



**Al ĉiuj novaj abonantoj ni liveros - ĝis elĉerpiĝo - nian junian numeron kun la Ludo de l' Piratoj.**

**Estas pli bone aboni hodiaŭ ol neniam !**